Jaro XVI　　Septembro/Oktobro 1933　　13

Oficiala Organo de la internacia VEGETARA LIGO ESPERANTISTA (V.L.E.)

# VEGETARANO

Dumonata por vegetaraj kaj parencaj ideoj

Adreso I. Ionesku-Kapatzana, Bukureŝto V, Str. Dr. Istrate, 10, Rumanujo — Telefono 3-24.72

Landaj sekretarioj kaj abonprezo en nacia mono:

Argentino (Pes. pap.): S-ro Pascual Bosso, Strato Lisboa 2940 (Parque Chas). Buenos Aires.

Belgujo (B 4.-) S-no Yvonne Colijn Schoolsstraat 21, Nieuwpoort.

Bulgarujo (Levoj 50.- ) : S-ro Petr Mitkov, Bulevard Evlogi Georgiev 49, Sofio.

Ĉeĥoslovakujo (kĉ. 25.—): S-ro Emil Mai, Mühlfeldgasse 11, Gablonz a. N.

Danujo (dkr- 4.—): F-no Margrethe Noll, Fredericiagade 6, II, Kopenhago-K.

Estonujo (Ekr. 3.-): F-no Helmi Dresen, postkast 6, Talino.

Francujo (fr 20.—): F-no Cécile Royer, 105 Rue du Faubourg St.-Denis, Parizo X, Poŝtkonto Parizo 257-77.

Germanujo (RM. 3.—): S-ro Oscar Bünemann, Hamburgo 37. Isestrasse 79, II. Poŝtkonto „Hmb 318-83".

Grandbritujo (ŝ, 4/—): S-no Margaret Blaise, „Bonveno" 19 Litchfield Avenue, Lower Morden, Surrey, Anglujo.

Hungarujo (P. 4.—): S-ro Bihari Mór, T. Lejtö út 3. Budapesto

Latvujo (Latoj 4.—): S-ro Julio Bejzols, Aspazia-Bulv. 9, loĝ. 3, Rigo.

Litovujo (Lid. 8.—): S-ro Vladas Butkus. III. Gimnazija, Maironio 12, Kaŭno.

Nederlando (fl. 2.— : S-no Catharina J. Roskes-Dirksen, Anemoonstraat 96, Hago, poŝtkonto 52 008.

Palestino (1 Dol.) N. B. Havkin, Jerusalemo, Givat Saul.

Polujo (zl. 8.—): S-ro Chajm Kuŝnir, Ul. Orwida 5. Wolomin powiat Radzyminski.

Rumanujo (100.— leoj): I. Ionesku-Kapatzana. Str. Dr. Istrate Nr. 10, Bucureşti V.

Sovjetunio (R. 1.50): U. U. Zajcev, Moskvo 66, Lefortovskij per. 7a. kv.

Svedujo (Sv. Kr. 5.—): Sven Edenby, Gefle 2.

Svisujo (sfr. 4. ): S-ro Paul Enz, „Siga" Bassersdorf-Zürich, poŝtkonto VIII/17062.

Usono (dol. 1.—): S-ro Karl Fröding, 124 King Street, Madison, Wis.

El la landoj necititaj oni sendu rekte al la redaktanto la egalvaloron de 4 svisaj frankoj. La kuponoj de UEA estas akceptataj kaj estu uzataj prefere ol nacia mono. Anoncoj pri vegetaraj manĝejoj kostas la egalvaloron de dek svisaj frankoj.

La VEGETARA LIGO ESPERANTISTA (V. L. E.) estis fondata en la jaro 1908-a, dum la Dresdena Universala Kongreso de Esperanto. Ĝia organo, la „Vegetarano" estis fondata en la jaro 1914-a. La kotizo por VLE kaj la abonpago por la „Vegetarano" estas identaj. La „Vegetarano" aperas dumonate, do sesfoje en la jaro.

La celo de VLE estas, disvastigi Esperanton inter la Vegetaranoj kaj Vegetarismon inter la Esperantistoj. Krome, danke al nia internacia helpa lingvo, ĝi volas helpi kaj antaŭenpuŝi la internacian vegetaran movadon kaj la solidarecon inter vegetaranoj de ĉiuj landoj pli efike, ol tion povus fari naciaj organizoj aŭ revuoj.

Fine, nia ligo volas kunigi aron da homoj, kiuj interkonsente komplotas kontraŭ ĉio malbona kaj kiuj subtenas interne je la Esperanta movado la etikan nivelon de nia komuna volo.

La ĝenerala sekretario kaj kasisto de VLE estas nune **I. Ionesku-Kapatzana. Bukureŝto, V. Str. Dr. Istrate 10, Telef. 3-24.72, Rumanujo.** Landaj sekretarioj prizorgas informojn, enkasigas kotizojn, propagandas kaj tradukas, se oportune, artikolojn el nia organo por naciaj parencelaj eldonajoj.

## Ni vivu la vivon!

Malsanoj, tro da ĝuo, alkoholismo, tabakuzado, maljuniĝo kaj morto antaŭtempa, jen parteto el la multnombraj malbonoj per kiuj la nuna homo povas tre bone fieri.

Krizego, forŝtelado de la laboro apartenanta al la popolo, klasbatalo, politikdisputaĉoj, diktaturo, revolucioj kaj milito, jen aliaj malbonoj kiuj konsistigas la nunan socion bazitan sur mensogo, ekspluatado, krimo kaj unuvorte sur ĉio kio estas aĉa kaj malbona.

La homo estas rezulto de la sociinfluo, la socio estas aro da malbonaĵoj konsistanta el la malvirtoj de siaj eroj.

Neniam pli ol kiel nun, la socio ne havis tiom multajn dogmojn kaj pensadsistemojn; neniam la socio suferis tiom multajn kaj rapidajn transformiĝojn kiel nun, kaj kion signifas tio? Cu ili estas necesaj? Kiuj estos la sekvoj kaj la rezultoj de ĉio-ĉi?

*

Antaŭ miloj da jaroj kiam la prahomo estis malkapabla konscii pri la naturfenomenoj, la homo, pro neceso klarigi al si la plej gravajn fenomenojn, kiaj la sunleviĝo kaj sunsubiro, la pluvo, fulmotondro k. t. p., kreis Dion, kies manifestiĝon li supozis esti ĉiuj-ĉi fenomenoj.

De tiu tempo ĝis nun pasis longa tempo, la homaro evoluis, la homoj ne plu kredas dimanifestiĝo tiujn fenomenojn, li nun scias, laŭ diroj kaj instruoj de liaj instruantoj, kiel okazas pluvo, tertremo k. t. p, li hodiaŭ kapablas krei fulmotondron de milionoj da voltoj, fari tagon el nokto kaj nokto el tago, li sukcesis aŭdigi la voĉon kaj manifestiĝojn liajn trans landoj kaj maroj, same li sukcesis vidigi tiujn.

La nuna homo ne nur ne kredas plu je Dio, sed li fariĝis Dio pli supera ol tiu kiun iam al si li estis imaginta.

Sed kial do tiom da dogmoj; kial tiom da malbonajoj?

La homoj ne konscie kreis ĉi-tiujn; tiuj ĉi estas

**Grava! Korespondleterejon, kotizojn, gazetojn, bonvolu sendi al NOVA ADRESO!**

... homo klarvida sed la amasoj papagis ... kiam alia kl...vidulo perfektigis aŭ plibonigis ... alian kreajon kaj en la momento en kiu la ... povis diri, ke la pluvo okazas pro tiu kaŭzo, aŭ post lernado li povis konduki auton, aeroplanon, ... en tiu momento li detruis sian malkleran Dion sin surtronigis kiel Dio. En la momento en ... Dio estis detronigita estiĝis la dogmoj, ĉar ... ĉiuj sin kredis Dio. Sed je la sama momento ... la homo forigis Dion, la dogmoj kaj la mal...ajoj surŝutis la mondon.

La Dio-homo kiel ĉiu tromemfida fariĝis kruela ... idiotiĝis.

Hodiaŭ la homoj balbutaĉas, ke ili estas pli ... ol iliaj antaŭuloj, ke ili estas pli progresemaj, ...onaj, ke ili ne estas aĉa religiemulo, sed ili ... a t e i s t o j, metodistoj, aŭ mi ne scias kion ...raŭ.

La homo, nun ne plu estas devigita cerbumi ... aŭ alia demando, ili ne devas krei novajn va...jn, ĉar per la mono, nobelectitoloj k.t.p. ili povas ... la scion. La nuna homo ne bezonas grimpi sur ...onton por ke li vidu la belaĵojn de la naturo, nun ... aviadilo aŭ per montveturilo la homo povas vidi ..., sidante ĉirkaŭ tablo, manĝante kaj trinkante li ...s sendanĝere ĝui pri tio kion la naturo, — tion ...edas, — kreis por lia Moŝtaĉo.

Per mono, la komo hodiaŭa, aĉetas la liberecon ... kapablecon de liaj proksimuloj; pro mono ĉiu ... povas prostitui sian liberecon kaj klerecon.

La moderna Dio estas la malgrandaj mamonidoj.

La nuna homo estas pli klera, pli civilizita, ho... por li estas sufiĉe legi kaj li eksciu ĉion, la ...aŭa homo havas je sia dispono absolute ĉion. ...patinda civilizaciano! Kie estas via supereco, ... konsistas nur el imitado kaj papagado? Kie ... viaj faktoj se ili estas nur imitaĵoj?

Antaŭe la homo estis pli malklera sed pli su..., li ne estis diplomito de altalernejoj, sed tiam ... devis analizi kaj konkludi pri la fenomenoj ... li volis klarigi al si.

Antaŭe la homoj ne ĉirkaŭveturis la teron en ...j dekoj da horo, li dum tiu tempo apenaŭ mar... 100 kilometrojn. Nun la homo estas pli civilizita, ... aviadilo aŭ rapidavagonaro li vidas nenion krom ... kaj ion ŝajnanta esti tero.

La antaŭulo de la nuna homo estis sovaĝa... marŝado de 100 kilometroj li vidadis vivon, vi... kaj denove vivon kaj la vivo lernigis lin kio ... vivo. Nun, ni estu fieraj, ni vivas en la XX-a ...nto, ni havas multajn Diojn kaj eĉ ni mem ... Dioj.

Antaŭe la homo mortigis homon pro nescio, pro ...ereco, nun oni detruas ne nur homojn sed eĉ ... partojn de la naturo kaj tion nur pro plezuro, ... estas civilizacianoj!

Antaŭe la homo ne sciis kio estas sifiliso, ...ro aŭ tuberkulozo, ĉar li estis malklera, hodiaŭ ... mem ne suferas pro tiuj malsanoj, je ĉiu paŝo ...das ĝin, sed ni estu fieraj, ni estas XX-a ...tanoj!

Ĉu ne estas preferinde anstataŭ esti sklavo pagata ... multa mono, ni estu sendependuloj dependantaj ... la tero kaj de la leĝoj de la naturo? Ĉu ne estas preferinde anstataŭigi la tiomajn Diojn per tiu kiu estas granda Majstro, la N a t u r o?

Ĉu ne estos pli dece por la krono de la vivo, ke li vivu la vivon kaj tute ne la ŝajnon ĝian?

Jes, estas pli bone kaj pli dece, sed la homoj estas XXa-jarcentanoj, ili malkapablas rezoni pri si mem, ili malkapablas vivi vivon simplan!

Samtempuloj: ek konsciu antaŭ ol estos malfrue! Veku vin el la dormado dolĉ-ŝajna! Liberigu vin el la aĉaj katenoj de la moderna sklaveco! Vivu libere, sekvu la Majstron N a t u r o n. Ĝi estas la plej bona patrino por tiuj kiuj ĝin komprenas, sed ĝi estas ankaŭ la tombejo de la nuna fi-aĉa-homo.

Ni vivu la vivon, ne la ŝajnon!

I. Ionesku-Kapatzana

---

## Al la landaj sekretarioj de V.L.E.

La redaktanto de „Vegetarano" kaj Ĝ-rala Sekretario de „V.L.E." malgraŭ siaj bonaj intencoj pri la bono de la Bulteno kaj de la Ligo, ne povas efike labori por nia celo, se li ne estos helpata de la landaj sekretarioj.

Tial: mi petas ĉiun landan sekretarion, fari tiun malgrandan oferon kaj, laŭ eble, raportu pri la progreso de vegetarismo kaj parencelaj ideoj en sia lando.

Sendu ĉiu dumonate, t.e. unu monaton antaŭ la apero de la Bulteno, vian raporton.

Tio estas bona interligilo inter la samideanaro tutmonda. Tiel ĉiuj povos ĝoji okaze de sukcesoj kaj helpi okaze de malsukcesoj, en sia lando.

---

## Al la Kamaradoj de Sovjetunio.

Ĉar en Rumanujo estas maleble ricevi korespondaĵon, presaĵon k.t.p. el via lando, sen havi malagrablaĵojn, bonvolu sendi ĉion rilate al nia afero, al samideanino *J. Roskes-Dirksen, Anemoonstraat 96, Haago, Nederlando.* Ŝi afable sendos ĉion al mi.

* * *

La kamaradoj el Sovjetunio estas tre petataj raporti pri la vegetara vivo en ilia lando.

Estus tre interese, se oni sendos ciferojn kaj precizajn datojn, fotografaĵojn k.t.p. pri la vegetara movado en ilia lando.

Ĉion oni sendu al la supre indikita adreso! Dankon por ĉio!

# La malutileco de la viando je homa nutrado

de D-ro P. M. ŞUSTER
*Profesoro ĉe la Universitato el Jaşi, Rumanujo*

*La homo laŭ lia strukturo inklinas al vegetarismo; tion montras la anatomio de liaj digestoparato kaj dentaro; lia adaptiĝo al la karnivorismo havas kiel rezulton aperigon de multaj malsanoj, kiuj ĉe vegetaranoj tute ne ekzistas.*

*Estas absolute certe, ke por daŭrigi sian vivpovon, la homo bezonas ĉerpi liajn nutrosubstancojn el la ekstera medio, por ke transformotaj en la digesttubo, ili povu trairi en la histojn kaj tie okazu la ĉelŝanĝado de la substancoj, ĉar la vivanta materio per funkciado sin uzas kaj tial ĝi devas ripari ĝiajn perdojn, — do, la vivo konsistas el konstanta ŝanĝo inter interna kaj ekstera medio.*

*La analizo de la protoplasmo, tio estas de la substanco konsistiganta la vivaĵojn (plantan kaj bestan), montris ke ĝi estas aro da kemielementoj tre komplikformulaj kaj ke sekve, la tuta homorganismo estas esprimo de pura kemiismo kaj kiel sekvo la manifestado de la vivpovo estas tutaĵo de formuloj fiziko-kemiaj.*

*La perdoj de la kemiaj substancoj, okazantaj dum la funkciado de nia organismo, devas esti anstataŭigataj per aliaj kemiaj similaĵoj: tiel oni konstatis ke nia nutraĵo devas enhavi: Karbonon, necesan por la bruligado, azoton per kiu refariĝas la vivsubstanco, same mineralaĵojn kaj akvon, necesajn al la diversaj transformiĝoj.*

*Oni kalkulis ke la maturaj homoj, bezonas en la ĉiutaga manĝaĵo: 20 gramojn da azoto, 280 gramojn da karbono, 30 gramojn da saloj kaj 2000 gramojn da akvo; por ke la vivo estu daŭrigata, ĉiuj-ĉi materiojn ni prenas, ĉu el viando, ĉu el vegetaĵoj.* Nun ni atingis vojkrucon kie ni devas elekti la nutraĵon kaj el la sekvontaĵoj ni vidos la danĝeron de la viando en la homa nutrado.

La viando, per ĝia konsisteco kemia estas malutila al la organismo, ĉar ĝi kaŭzas estiĝon de multnombraj venenoj kiujn la renoj ne povas eligi kaj sekve de tio ili restas en la ĉeloj, formante nutromedion treege taŭgan al la kulturado de la bakterioj kaj per tio la homo sin elmetas senrimede al la minaco de ĉiuj malsanoj.

Nin ne surprizas, ke la viandomanĝantoj ĉiam plendas pri podagro, kancero, k.t.p. Ĉio-ĉi estas sekvoj neeviteblaj de la viandreĝimo kun postaj efikoj ĉar neniu pensas, ke la malsanoj estas kaŭzitaj de viandaĵoj, alkoholaĵoj, kaj tabakuzado, ili pensante ke la malsanoj venas senkaŭzo kaj sendepende de la nutraĵo, la malsanoj devis foje veni; la viand manĝantoj ne povas imagi la morton naturan, kiel sekvon de la organa funkciĉesado. Plurfoje la sekvoj de la konsumado de pork- kaj bovviando, kiel ankaŭ de la fiŝaĵo manifestiĝas tuj, ĉar samfoje kun la viando oni englutas ankaŭ parazitojn kiaj *Tenia solium*, *Tenia saginata* kaj *Batriocephalus latus!*

Tiuj-ĉi parazitvermoj, ĉu kiel larvoj, ĉu kiel maturiĝintaj vermoj multege malutilas al la homo kaj laŭ cirkonstancoj, la fino estas la morto de l'individuo. — Ili estas ricevataj kiel larvoj aŭ kiel kisticerkoj kaj nome: Tenia solium el la porkviando, Tenia saginata el la bovviando kaj Batriocephalus latus el la fiŝviando (plej ofte el ezoko).

Atinginte nian inteston, tiuj-ĉi kisticerkoj kiuj estas nur miniaturaj tenioj, demetas sian kapon (scollex-on) provizita per pinĉiloj kaj suĉiloj kaj sin bone fiksas en la intestaĵmukozo kien sin nutras kiel en la sino de Abrahamo per la intestsukoj. Ili kreskas kaj atingas fabelan grandecon de 8, 12,14 metrojn da longo, ilia korpo estas formita el ringoj pli kaj pli grandiĝantaj ĉe la malantaŭa parto de la korpo, estante plenaj je miloj kaj miloj da ovetoj,

Tiel la vermokorpo povas havi pli ol milon da ringoj kaj laŭmezure de ilia ŝiriĝo ĉe la fina parto korpo, ili kreskas ĉe la komenca, ĉar tuj najbare de la kapo ekzistas burĝonada zono kiu anstataŭas la perdojn suferitajn.

La ovetoj de Tenia solium eligitaj kune kun la fekaĵoj, estas manĝataj de porko, tiuj de Tenia saginata de la kornbestoj kaj tiuj de Batricephalus latus atingos ĉefine akvon, kie iu ezoko ilin englutas. La ovoj sin disvolvas respektive en iliaj gastigantoj, naskante larvojn kaj kisticerkojn, kaj la konsumado de tiu infektita viando donas la maturajn parazitojn.

En la plimultaj okazoj tiuj-ĉi parazitoj kaŭzas gastro-intestajn malsanojn, manifestiĝantaj per doloregoj stomakaj kaj apedicitaj. La digesttubo suferas pro ĝenerala hiperstesio, sed pleje suferas la stomako pro mallakso aŭ lakso. La malsanulo suferas ankaŭ pro hepatkrizoj kaj la urino estas enŝarĝita per galaj pigmentoj. La plej alarmaj simptomoj de la helmintiasio estas la nervaj malkvietigoj, ĉar oni rimarkis krizojn epilepsiformajn kaj histeriformajn. Oni rimarkis psikajn malnormaligojn, sufokadojn kaj eĉ morton.

Je Batriocephalo, kiun oni ricevas el la viando de fiŝo, ĉe la malfeliĉegaro pli supre priskribita oni aldonu ankaŭ gravan anemion. Jen tiom da danĝeroj je kiuj sin elmetas la konsumantoj de la viando, ĉar eĉ la freŝa kaj pura viandaĵo enhavas venenojn kaj en la ĉelojn ĝi lasas restaĵojn, elmetante nin je bakteriaj malsanoj kaj tiam kiam ĝi estas infektita, ni iĝas viktimoj de la parazitoj kiuj senĉese verŝas venenojn en nian organismon.

Pro tio plej necese estas ke ni uzu higienajn nutraĵojn, facile asimileblajn, senvenenajn, kiuj ne lasas restaĵojn en la ĉeloj (veraj bakterionestoj) kaj tiuj estas nur la vegetala nutraĵo.

Tiom la albumenajn substancojn kiom tiujn ternarajn, grasaĵojn kaj la sukerajn, necesajn al organismo, ni devas ĉerpi nur el vegetaĵoj, forigante komplete la viandon kaj la produktojn bestajn, ĉar la progreso en la fizika kaj psika disvolviĝo estas realigebla — nur per v e g e t a l i s m o.

El „Vegetarismul", tradukis Ionakap

# La XV Bulgara Vegetarana Kongreso

Ĉiujare la bulgaraj vegetaranoj, organizitaj en B. V. A. kunvenas je kongresoj en diversaj urboj la lando, kongresoj, kiuj — per sia pozitiva la- ro — markas la ŝtupojn de la ĉiam pli kaj pli skanta movado de paca, senmortiga vivo. Elĝer- ta sub la influo de la religi-filozofia instruo de no Tolstoj, tiu movado fidele konservis la kerno- ojn de tiu instruo: amo al ĉiu viva estaĵo kaj rforto al la kunhomoj. Bazita sur etika funda- to, la movado tamen unuiĝas en si ankaŭ indi- ojn, kiuj iĝis vegetaranoj pro la ne malpli gravaj ivoj — la sciencaj.

Ĉi-jare la kongreso — jam jubilea — okazis je 5-5a de septembro en Plovdiv (en „la dua bul- mitato kiu jam dum la kongrestagoj kolektis — en formo de monoferoj — la konsiderindan sumon de 280.000 levoj por la nova „Fondo por liberigo de la tero". Tiel alpaŝinte al la vasta soci-konstrua kaj la- borreforma kampo, antaŭ la movado sendube mon- triĝos belaj perspektivoj pri pozitiva influo en la socio kaj idea vivo de la lando.

Referintoj kaj paroladintoj dum la kongreso: Ilia Enĉev-prezidanto de B.V.A., D-ro Nikolaj Stanĉev redaktoro de la asocia organo „Zdráv Ĵivót", D-ro Lázar Karaivanov, Ilia Ivanov-koloniano de Meĉkjur kaj agronomo Minju Edrev.

La kongreso dezíresprimis ke ĉiuj bulgaroj ve- getaranoj aniĝu en la Asocio por ke la lasta inde



a ĉefurbo"). Ĝi kunigis proksimume milon da celanoj, venintaj el ĉiuj partoj de la lando por ŝanĝi pensojn, spertojn kaj ideojn pri la komuna o kaj por diskuti la metodojn por senĉesa irado la idealo elektita.

La detalajojn, pro manko de loko, mi evitas. La problemo, kiu okupis la atenton de la kongreso tiu pri „liberigo da la tero de la vegetara ko- o Meĉkjur". *) kaj per la sukcesa solvo de tiu blemo, la XV-a jubilea kongreso de la bulgaraj etaranoj akiris nedisputeble altan signifon en la o de kongresoj, distingiĝante per sia absoluta nimeco kaj krea volo. Oni proklamis la Asocion eriganto de la tero" kaj tuj formiĝis plenumko- prenu sian lokon en la socia vivo de la lando.

La sidejo de la Asocia restas en Kazanlik. Kiel plenumkomitaton de la Asocio oni elektis la sek- vantajn samcelanojn: Ilia Enĉev, D-ro Nikolaj Stanĉev, Minju Edrev, Pavel Teoharov, D-ro Lazar Aĝarov, Nanju Ganĉev kaj Kristo Kadânkov. Kiel redaktorojn de la organo — D-ro Nikolaj Stanĉev kaj Pavel Teoharov.

La trian tagon vespere la kongreso estis fer- mita per parolado de nia elokventa oratoro Jordan Kovaĉev.

La sekvantan tagon la kongresanoj vizitis la kolonion Meĉkjur, kiu distancas 5 kilometrojn de Plovdiv.

Al ĉiuj eksterlandaj kaj speciale rumanaj sa- mideanoj, kiuj sendis salutleterojn al la kongreso, mi, je la nomo de la kongresanoj, kiel ĝenerala sekre- tario de la kongreso, esprimas niajn sincerajn dan- kojn! Ni tre, treege bedaŭras ke ni estis senigitaj de ĝojo vidi en nia mezo ŝatatajn gastojn el Rumanujo kaj aliaj landoj. Ni ĉiam estas pretaj frate gastak- cepti ilin kaj esperas vidi ilin je nia venonta kon- greso.

Teodoro K. Popov

---

*) *La tero de Meĉkjur, entute 263 dekarojn, estis aĉetita fondita en 1925-a j. de bulgaraj vegetaranoj koopero. Por de la tero, konstruaĵoj, elektrizo kaj multaj terkulturaj ojoj la koopero ricevis kreditojn, kiujn elpagi nun urĝas fiaski la bela entrepreno. Por savi la lastan, lau decido kongreso, la Bulg. Veg. Asocio, kiel „liberiganto" zorgos la afero. Oni esperas ke en la dauro de tri jaroj la plene „liberigos" la teron de Meĉkjur kaj povos efek- planon por reorganizo de la kolonio kaj fondi poste koloniojn en la lando.*

# Oscar Bünemann



naskĝis la 19-an de junio 1885-a en Hamburgo kiel filo de eksportkomercisto Hermann Bünemann, patro de ses infanoj. Post la lernejaj jaroj O. B. fariĝis lernanto en eksportfirmo, por fariĝi komercisto. Li baldaŭ vidis, ke por li pli bone taŭgus alia profesio, ekzemple la instruista; sed li ne povis decidiĝi por ŝanĝo kaj tial restis sur la vojo komencita.

En printempo 1905-a li trovis okupon en Parizo, kie li restis ĝis printempo 1907-a. Tie en la vintro 1905-06, instigita de la Bulonja kongreso kaj de sia frato Paul en Anglujo, kiu jam unu jaron pli frue lernis Esperanton, li lernis nian internacian lingvon. La medio de la esperantistoj en Parizo kaj la ideoj ligitaj al la Afero estis tre simpatiaj al li, kaj lia unua traduklaboro en la kurso de s-ro de Coppet estis artikolo de Berta von Suttner kontraŭ la milito, el germana semajna revuo Die Woche.

Jam tiam B., leginte du artikolojn pri vegetarismo en la Fundamenta Krestomatio, volis fariĝi vegetarano; sed li estis ĉiam tre malforta junulo, kaj tial lia patrino, timema pro lia sano, admonis lin kontraŭ la vegetarismo. Tamen, du jarojn poste, dum vojaĝo en Italujo en printempo 1908-a, li ricevis tiom fortajn impresojn pri vegetarismo, ke li faris la decidan paŝon, cetere ankaŭ sub la influo de sia esperanto-amiko René de Ladevèze.

En majo 1907-a B. reiris, dum voje vizitante Anglujon, al Hamburgo, kie la 26. II. 1910 li edziĝis kun f-ino Elisabeth Hüffmeier, esperantistino kaj vegetaranino kaj entute fervora anino de ĉiuj ideoj etikaj kaj sociaj ligitaj al tiuj du movadoj. En junio 1912-a la familio B. transloĝis al Milano en Italujo, kie B. fondis sian propran firmon kun itala firmano, sub nomo Bünemann & Bartolucci.

La mondmilito devigis la familion en aprilo 1915-a foriri el Italujo, kaj en februaro 1917-a, dum la severa malsatvintro en Germanujo, la geedzoj perdis sian karegan filinon Elisabeth naskiĝintan 1911. B mem post multaj klopodoj sukcesis fariĝi, pro siaj lingvaj konoj, interpretisto kaj tiel eviti la uzadon de mortigaj armiloj. Li estis dum la lastaj militjaroj en Rumanujo kaj Francujo kaj revenis en decembro 1918-a al sia familio.

De tiam li restis loĝanta en Hamburgo. Lia filo Oskar, naskiĝinta en septembro 1913-a en Milano, fariĝis studento de matematiko. Lia filino Gertrud naskiĝis en aprilo 1921-a kaj estas ankoraŭ lernejanino.

La geedzoj havis la feliĉon, ĉeesti kelkajn esperantokongresojn kaj rilati multe kun gesamideanoj el la multaj landoj. Komercaj vojaĝoj al multaj landoj donis al B. okazon kontakti kun esperantistoj kaj kelkfoje propagandi en fremdaj lokoj. Pro la krizo li perdis en la fino de la jaro 1932-a sian firman postenon kaj nun laboras sub sia propra firmo; sed la daŭranta krizo malfaciligas lian klopodon.

# El multaj landoj

## Austrio

Dum 16-a—31-a de Oktobro en la Kooperativa ndejo Stafa en Vieno, VII, Mariehilferstrasse 120, kazis denove ekspozicio de la „Ligo de Socialistaj ivreformuloj", arangita sub la titolo „Vivu guste dum labortago! Guu guste la festotagojn!"

Gi temas pri korpflegado, kontraŭ-alkoholismo, ontraŭ-nikotinismo, vegetarismo, sporto, praktika eblaro, racia vestaro. k.t.p. Samtempe okazis parooj de K-do D-ro J. L. Stern (Estro de la Socialemokrata instrufako, Aŭstrio) pri „Homo aŭ fi-burĝmulo", de K-do D-ro W. Gutmann (estro de la ocialistaj vivreformuloj) pri „Vegetarismo laŭ kuraista vidpunkto" kaj pri „Novaj kuracmetodoj", de -do Prof. D-ro Rudolf Smola pri „Saneca vivmaero", de K-do Arĥitekto Georg Kraŭ pri „Loĝej kaj star-reformo" kaj de K-dino D-ro Franciska Marbaĥ i „Moderna kuirado". Ĉi-lasta post la ekcpozicio dis plurajn kuirkursojn vegetaranajn.

La „Ligo de la Socialistaj vivreformuloj" okaze tiu ĉi ekspozicio eldonis flugfolion kun celo atenla laboristaron pri vegetara vivmaniero.

## Bulgarujo

Dum la XV-a jubilea vegetara kongreso okazinta Plovdiv, okazis ankaŭ fakkongreso de la esperanaj vegetaranoj. Detaloj mankas.

## Danujo

Oluf Egerod raportas en Vegetarisk Tidsskrift „dorsosak-konkurso" arangita de la gazeto Polin. La premion pro la „plej taŭge pakita" dorsoo ricevis kuracisto, kies dorsosako inter la „neajoj" enhavis: konjakon, du pipojn kaj tabakon. diras O. E, vidu, sur kia alta ŝtupo staras la uro de niaj kuracistoj! La citítan oficialan revuon la Dana Vegetara societo nun redaktas s-ro Tho E. Spur, Istedgade 7, st., Kopenhago V. - Rilate ova leĝo, kiu devigas margarinfabrikojn, uzi certan on da enlanda porka graso, la vegetaranoj ris de la aŭtoritatoj kaj leĝdonantoj certigon, ke os escepton, tiel ke iliaj vivprincipoj ne estos ataj de tiu nova leĝo. — La konata eldonejo endal publikigis libron (Raasyltning,. prezo dkr. ) pri konservado de fruktoj en kruda stato. Tiaere konserviĝas la freŝa gusto kaj la vitami Axel Pille, Kannikestraede 5, II., Kopenhago K, s vegetaran alllernejon.

## Germanujo

Per dekreto, ĉiuj organizoj kontraŭ la vakcinado Saksa Respubliko estas nuligitaj kaj malperme Paragrafo 4 de tiu dekreto malpermesas ĉian n, ĉu individuan, ĉu societan. kontraŭ la vak. La presaĵoj de ĉiu kontravakcina movado sekestritaj — La vivisekcado en Prusujo estas rmesita, kaj tiu malpermeso baldaŭ etendiĝos a regno. Sed la efiko de tiu-ĉi leĝo estas per unu el ĝiaj paragrafoj, kiu permesas vivin por sciencaj celoj. — La registaro admonis aranojn kontraŭ plivastigo de la grenprodukt postulas, ke la kamparanoj malpligrandigu la spacon por grenproduktado kaj anstataŭe plivastigu la produktadon de olehavaj fruktoj, bestnutraĵoj kaj fibrodonaj kreskaĵoj. — Mortis la 7.6.33 D-ro med. Franz Schönenberger, la plej konata pioniro de la naturkuracada movado en Germanujo.

## Grandbritujo

Rilate al la intencoj de la Aŭstralia registaro fari el la nordaj nekulturitaj regionoj de Aŭstralio grandegaj bestbredajn teritoriojn, la Brita Vegetara Societo, Manchester, proponas, ke ĉiuj vegetaraj societoj pere de la Internacia Vegetara Unio kaj de la Ligo de Nacioj klopodu, por ke la spaco civilizota estu utiligata al homaro. Tio signifas, ke oni tie kulturu vegetaĵojn por nutrado kaj ke oni evitu maljustaĵojn kontraŭ la indiĝenoj.

Mortis la 14.9.33 82-jara, Ernest Bell, pioniro de vegetarismo, prezidinto de la angla Vegetara Societo kaj gvidinto en multaj humanaj movadoj. Mortis ankaŭ la konata teozofa gvidantino D-ro Annie Besant (1847—1933), la 20.9.33. Ŝi estis fervora vegetaranino kaj aplikis siajn humanajn celadojn en la laboro favore al la Hindoj.

Nia Samideano D-ro Sydney M Whitaker, 16 Park Avenue, Sharston, Manchester, eldonis broŝuron „Man's Natural Food" (la natura nutraĵo de la homo) publikigitan de la Vegetara Societo, 39 Wilmslow Road, Manchester 14, Anglujo.

## Hispanujo

La Kataluna revuo „Regeneració", en artikolo de Enric Gabas pri la socia demando, diras:

„La hodiaŭa socio estas kontraŭnaturista, ĉar ĝi permesas kaj eĉ sin bazas sur la maljusteco, faras la homojn egoistojn kaj forpuŝas la solidarecon, kaj pro tio la naturistoj batalas por kompleta socia transformiĝo". La revuo invitas por letera esperantokurso.

## Litovujo

Statistiko montris, ke el la instruistaro de Litovujo 30% estas abstinuloj de alkoholo.

## Nederlando

*La vegetarismo en Nederlando estis sufiĉe multe konata dum la lastaj jaroj.*

*Per la bonega organo „Vegetarische Bode" (Vegetara revuo), per flugfolietoj, propadanda gazeto, ekspozicioj, prelegoj, kunvenoj oni informas la popolon pri la senbesta nutrado. Efektive la sukceso estas kontentiga. La ligo nombras 1400 anojn, sed pli granda nombro de neliganoj sekvas la vegetaran nutradon.*

*En Soest loĝas Felix Ortt, redaktoro de la vegetara revuo, kiu cetere estas famkonata pro sia scio pri la vegetara vivmaniero, en la revuo oni trovas seriozajn artikolojn. S-ro Felix Ortt, informas senpage ĉiujn kiuj ŝatas koni la principojn de la vegetarismo. Ankaŭ senpage oni ricevas la diversajn flugfolietojn. La ligo posedas gravan bibliotekon. La parencaj unuiĝoj por naturkuracado kaj kontraŭ vivisekcado memkompreneble faras*

*propagandon por la vegetara dieto. En diversaj lokoj troviĝas vegetaraj restoracioj; la grandaj urboj posedas bonegajn vegetarajn hotelojn. Dommastrinoj povas trovi bongustajn receptojn en la diversaj vegetaraj kuirlibroj.*

*Vegetaranoj el fremdaj landoj certe estos kontentaj, vizitante Nederlandon, pri la vegetaraj institucioj kaj ankaŭ la esperantaj rondoj ĝojos pro ilia vizito.*

*Cath. Roskes-Dirksen, Landa Sekretariino, Hago, Nederlando.*

## Norvegujo

La 1-an de septembro 1933a la „Banano" 25-jara vegetarano Sverre Sörhus el Trondheim, Norvegujo, gajnis sian grandan venkon kontraŭ la „bifsteko". la 26-jara kandidato Sigurd Bernt de la buĉistoj, en la vetmarŝado de Kopenhago al Oslo. La vegetarano bezonis por la distanco de 560 km. 140 horojn kaj tiel superis la rekordon de la konata vegetarano Notto Fipp per du horoj. La kandidato de la buĉisto, viandmanĝanto, alkoholulo kaj fumanto, jam post 70 km. devis rezigni pro kordoloroj.

Dum la vetmarŝado, la vegetarano vivis per bananoj, pomoj, oranĝoj, pano, lakto, butero, margarino (planta), mielo, terpomoj, tomatoj, kuiritaj legomoj kaj beroj La kalorikvanto el tiu nutraĵo estis meze 5300 ĉiutage. Soifo montriĝis malofte, kaj ĝi estis forigata per iomete da akvo. La pezo de la junulo dum la marŝado malkreskis de 75 kg. al 72,5 kg. Digestado kaj alia farto dum la tuta tempo bonegaj.

## Palestino

*Jerusalemo.* — La ĉi-tiea hebrea vegetara asocio vigle laboras. Post la eldono de hebrea traduko de la fama vegetara artikolo de L. Tolstoj „La unua ŝtupo" oni komencis eldoni hebrean revuon „Vegetarano", kiu estas dediĉita ankaŭ al la paca movado. La ĉi tieaj hebreoj esperantistoj intencas eldoni ĝeneralan esperantan revuon „La interna ideo". Unu el agemaj personoj en la hebreaj vegetara kaj esperanta movadoj estas nia samideano N. B. Havkin, kiu multe da jaroj klopodas pri la fondigo de vegetara kolonio en Givat Ŝaul apud Jerusalemo. Li festas 20an de Januaro 1934 la 60-an jubileon.

## Rumanujo

*La Oktobra numero de „Vegetarismul" enhavis 3 paĝojn dediĉitaj al la problemo, kiel organizi vegetaranan kolonion en Rumanujo.*

*La Novembra numero, de la sama revuo, publikis la leteron de Esfir I. Kaplan-Perper (mortinta antaŭ kelkaj monatoj en Moskovo) al Lev Tolstoj kaj la respondon de ĉi-lasta al ŝi.*

*La vegetara movado marŝas netro bone, ĉar de post 1914, apenaŭ nun estas rekomencita la agado por disvastigo de vegetarismo, grupo ne ekzistas kaj nek societo, ĉion estante farata nur de kelkaj personoj. Sed paŝo post paŝo, ni venkos!*

## Svedujo

La registaro oficiale publikigas admonojn kontraŭ la alkoholdanĝero kaj pagas grandan parton de la kostoj, kiujn havas la kontraŭ alkoholaj movadoj per sia kleriga laboro.

La Sveda Vegetara Societo festis la 10.9.33 sian 30-an jarkunsidon en Jönköping sub gvido de la konata pioniro Saxon, kiun la ĉiutagaj gazetoj nomas „la papo de la vegetaranoj".

---

## Kvitancoj

Daŭrigo de la kvitanco en „Veg." XVI/2-3 paĝo, 10:

Friedrich Ader gmk. 5.—, Bosso Pascual, A. Garcia, Kalvo M., Luraschi Egidio, Peviano Abel, ĉiu po 3 arg. mono — Arnold Antolik, Dr. István Ivó, Mór Bihari, ĉiu po 4 pengö, N. B. Havkin, 1 dol., Vegetarano, Ierusalemo 1 dol. — St. Bakarovič. P. Černev, D. P. Hristov, A. D. Atanasov, N. C. Nedelkov, S. Bolev, T. Rejdov, H. Barbov, M. Zlatonova, M. Edrev, S. P. Apostolov, G. Damjanovski ĉiu po 50 levoj, ĉiuj el Bulgarujo — St. Viliuns, J. Duda, V. Butkus po 3 R M., — Johann N. Menschick, A. Wildner, ĉiu po 3 gmk.

Al ĉiuj pagantoj, koran dankon!

---

### Respondoj, informetoj, petoj kaj deziroj

Represo kaj traduko *el nia bulteno estas permesata eĉ dezirataj kondiĉe; ke la „Vegetarano" estu citata kiel fonto.*

*El la landoj de kie oni ne povas sendi monon, oni sendu internaciajn respondkuponojn.*

## Organiza afero

*Mi ĝojas sciigi la anojn de V.L.E. pri la jenaj ŝanĝoj farotaj post la 1-a de Januaro 1934.*

*1) a. La ĝenerala kotizo por la V.L.E. estos reduktita de 4 sv. fr. kiel ĝis nun, je 3 sv. fr.*

b. *Ĉar nia ligo ne estas komerca afero tiuj kiuj ne havas la eblecon pagi tiom, pagu laŭ volo kaj ebleco!*

c. *La senlaboraj samideanoj, laŭ peto, ricevos senpage la bultenon.*

*2) a. La bulteno, de post la sama dato, fariĝos: „dumonata revuo, organo de V.L.E."*

b. *Ĝia formato estos 16 x 24 cm.*

c. *La amplekso estos 16 paĝoj + 4 paĝoj la kovrilo, do, entute 20 paĝoj. La legantoj havas la parolon!*

---

Pro manko de loko, la „Vegetaraj" kaj pareneelaj eldonaĵoj aperos en la venonta numero.

*La venonta numero aperos je la fino de decembro.*

## Esperantaj eldonaĵoj.

*Unua Slovaka Kristana Princo*, mil-cent jaroj da kristaneco en ĉeĥoslovaka terotorio, laŭ D-ro J. Hodál esperantigis Stan. Kamaryt, Bratislavo, Zochova 3. Eldonis Slovaka porfremdulo Asocio, Hotelo Savoy, Bratislavo, 14-paĝa broŝuro.

*Neoglifoj*, la monda skribo, unua lernolibro, de D-ro Alexandr Sommer-Batek, Prago-Liboc 162, Ĉeĥoslovakujo. Prezo 2 respondkup. aŭ kč. 5-—.

*Litova Esperanto-Revuo* ŝanĝiĝos en *„Litovan Stelon"*, eldonanto Edv. Medišauskas, Kaunas. Apero necerta.

*Komentoj al la Komunista Manifesto*, tradukis el la angla T. Veder, formato 11 x 17 cm. 56 paĝoj prezo: fr. fr. 3,60, eldonis Sennacieca Asocio Tutmonda 23 rue Boyer, Paris 20.

*La Mondo*, monata organo de Ŝanhaja Esperantista Ligo, P. O. Box 274, Ŝanhajo, Ĉinujo, havas en sia 7-a numero, junio 1933, interesan raporton pri ĉina literaturo.

*La fabelo pri la granda turo kaj la malgranda doktoreto.* 24 paĝa libreto, verkita de samideano H. Fischer-Galatz, L. K. Tiu-ĉi broŝureto krom fabelforma biografio de Dr. L. L. Zamenhof, enhavas ankaŭ kelkajn bonegajn rakontetojn. La broŝuro estas havebla ĉe Esperanto-Centro Rumana, Str. Dr. Istrate 10, Bukureŝto.

*La societoj de amikoj (Kvakeroj) kaj ĝiaj esencaj trajtoj.* Havebla ĉe Friends Service Council, Euston Road, London N. W. 1. Kontraŭ 3 pencoj kaj dunone (afrank).

*Barbaro kaj Eriko.* Letera romaneto de Alois Schneider — Magda Carlsson. 40 paĝ. 13,5x20 cm. prezo sveda kr. 0,60.— eldonita de Societo Esperanto, Fako 698, Stockholm 1.

*Dialogoj kaj komedietoj* de E. Dahl. 32 paĝ., 12x18,5, prezo sveda kr. 0,50. Eldonis Esperanto Societo, Stockholm.

*The Tanth Book of Homer's Odysey* en esperanton tradukis Giles Dixey. 24 paĝ.. 18,5x12,5 cm., prezo 1 ŝ. afranko 1 p. Eldonis Brita Esperantista Asocio, 142 High Holborn, London W. C. 1.

*Germana Esperantisto* organo de la G.E.A.; Elm-str. 5. Berlin S. W. 61.

*Laborista Esperantisto* Middenweg 226, Amsterdam-O, Nederlando.

*Informoj de la Esperanto Asocio de Estonujo* Postkast 5, Tallinn, Estonujo.

*L'Esperanto* Via G. Casalis 25, Torino, Italujo.

*L'Espérantiste Sisteronnais*, Villa Zamenhof, Sisteron (B – A), Francujo.

*La Verda Mondo.* Kameoko, Kioto-hu Japanujo.

*The Britisch Esperantist.* 142 High Holborn, London W. C. 1.

*Utrechta Esperantisto.* Rietstraat 40, Utrecht, Nederlando.

*Esperanto.* Organo de U.E.A. Tour de l'Ile 1, Ĝenevo, Svisujo.

*Bulteno de Esperanto Scienca Asocio Esperantista.* 33 Rue du Sommerard, Paris.

*Svenska Esperanto-Tidningen „la Espero"* Box 698, Stockholm 1, Svedujo.

---

## Vegetaraj manĝejoj.

*Meksiko (urbo):* Comedor Vegetariano, de f-ino Maria Sonn, strato Articulo 123 ter, 3a etaĝo.

*Parizo* (vidu ankaŭ antaŭajn informojn): „Ahimsa" 3 rue Cadet, IX. Restaurant Végétarien, 41 rue Saintonge, III. „La Santé", rue Sainte-Cécile, IX (antaŭe Au Grand Soleil). Rest. Vég. 5 rue des Filles-St-Thomas, II. „Le tipi", 189 rue St. Honoré, I. „Pomone", 10 rue Pasquier, VIII. La latinaj ciferoj indikas la kvartalon.

*Bordeaux* (Francujo, Gironde): 5 rue Dauphine

*Prago* (Ĉeĥoslovakujo): Du vegetaraj manĝejo, de Emil Vonika, nome: Revolučni trida 7, kaj Vinohj rady, Mirové námesti 10. Du de Fr. Wolf, nome: II-Poriĉ 6, kaj II, Školská 28. „Unitaria", I. Karlova 8. — I. Konviktská 15 (jaŭde fermita). Vinohrady, Londynská 33 (sabate fermita). Dejvice, Kyjevská 2. La manĝejoj de Vonika kaj de Wolf estas fermitaj dimanĉe.

Vegetaraj manĝejoj en Plzen, Kramárovy Sady 16, en Brno, Josefská 9, en Bratislavo, Homelova 10, en Bubeneĉ apud Prago, Dostalova 10.

*Düsseldorf* (Germ.): Steinstr. 4, I. (tre bona).

*Hamburgo* (Germ).: Vegetara Gastejo „Daheim", jungiernstieg 3, I. Fermita dimanĉe.

*Jerusalemo* (Palestino). Vegetara manĝejo King George Street.

*Bukureŝto* (Rumanujo), Vegetarana restoracio L. Kuhne Str. Principatele Unite 32-34. „Natura" Pasaĝo Comedia.

*Timiŝurbo.* „Vegetaria" vegetarana restoracio laŭ principoj de D-ro Birchner-Bener, Str. Bonaz 21.

---

**Grava! Por ke ni povu antaŭen iri. Por aperi kiel 2 monata revuo, ni bezonas vian apogon! Pagu tuj vian abono, kaj varbu abonantojn!**

„TIPARNIȚA" — Bucureşti, Str. Dr. Istrate, 10